# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Aprilo 2002 73-a jaro, n-ro 4 (1162)

ISSN 1163.0442 MENSUEL/MONATA


**Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**


**http://www.sat-esperanto.org/ *** retadreso: satesper@noos.fr**




ALICANTE

ATENDAS VIN

**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## El la redaktejo...



Karaj,

la tempo rapide pasas kaj ni jam estas tri monatojn antaŭ nia kongreso en Alicante. Estas momento por decidiĝi kaj partopreni ĝin, ĉar ĝi estas tre grava por la estonto de nia Asocio. Ni devos decidi pri multaj aferoj. Al la kongreso estos prezentataj kandidatoj por la nova PK, pri kiuj decidos jarfina referendumo. Cetere, ĉu vi jam pensis prezenti vin? Ja, vi devas sendi vian kandidatiĝon al la SAT-sidejo (kun mallonga biografieto kaj foto) antaŭ la 5-a de majo. Ni esperas ke pluraj el vi kandidatos por ke ni vere havu internacian Plenum-Komitaton.

Ankaŭ ni bezonas kandidatojn por la Ĝeneralaj Konsilantoj laŭ horzonoj. Vian kandidatecon sendu al la sekretario de Ĝeneralaj Konsilantoj, nia kamarado Jakvo Schram.

Amike al ĉiuj,

*via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj:
http://www.sat-esperanto.org
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Jacques BANNIER
Abonnement annuel/jara abono France 52€
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

# *Internacia Esperanto-Konferenco 2002*

## *Leuven (BE) 20-26.07.2002*




*Temo:*

## *Scienco kaj Socio*

*en oficiala kunlaboro kun la Universitato K.U. Leuven*

### El programo

**Strukturo** : antaŭtagmeze de lundo ĝis ĵaŭdo okazos du duhoraj prelegoj kun diskutebleco, la posttagmeza programo kombinos temon, distron kaj turismon. Ni ankaŭ prizorgos agrablajn vesperprogramojn.

**Scienco kaj Socio** : interalie prelegos esperante reprezentantoj de la universitato de Leuven (Loveno). Vi ricevos klarigon pri Naturscienca muzeo kaj muzeo pri Mez-Afriko. Ni planas vizitojn al universitataj konstruaĵoj, kiel la mikroelektronika centro IMEC kaj la monumenta universitata biblioteko.

**Leuven atendas vin** : Leuven estas gaja universitata urbo kaj provinca ĉefurbo kun 85000 loĝantoj. Atendas vin akcepto en la urbodomo (vidu supran foton), vizito al beginejoj, gotikaj kaj baroka preĝejoj, multaj statuoj kaj multegaj bonetosaj restoracioj kaj trinkejoj.

Ĉiujn detalajn informojn kaj aliĝilon petu ĉe la loka organizanto:
**Letere** :
Esperanto 3000 Leuven, R. Ménada 44, BE-1320 Hamme-Mille
**Rete** : esperanto3000@esperanto.be
**Telefone** : ++32.10.86.01.12

ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon.

La Redakcio

# El la Mondo

## BARCELONO

# Kampanjo kontraŭ militisma kaj kapitalisma Eŭropo

### Kvinmil homoj amasiĝis en la stratoj de Barcelono

Manifestacioj estis organizitaj en Barcelono de la 9a ĝis la 16a de marto proteste al la Kunsido de Eŭropa Unio. Ĝi estis la plej granda manifestacio kontraŭ la tutmondiĝo de la ekonomio ekde la sukceso de la manifestacioj en Seatle, kio ebligas nin pensi ke ni povos ŝanĝi la vojon de la Historio. La policista terorismo ne povos ĉesigi la movadon. Per la partopreno de ĉiuj alia mondo estos realaĵo.



### Arestitoj estis batitaj en la Barcelona policejo

(La 17an de marto 2002).
De sur la stratoj eblis aŭdi la bruon de la batadoj.

La unuaj arestitoj estis liberigitaj la 17an de marto. Du arestitoj de Sendependa Centro de Amaskomunikiloj raportis ke ili ne povis manĝi, ne havis sufiĉajn vestojn kaj ne povis iri al necesejo. Ili ankaŭ raportis ke de sur la strato ili aŭdis la kriojn de homoj kiuj estis batitaj. Oni alvokis la manifestaciantojn stari antaŭ la policejo por premi cele al ĉesigo de la batadoj.

### Raporto de atestanto

En la Komenco ĉio aspektis trankvila sed poste...

La etoso estis trankvila en la marŝo kontraŭ Eŭropo de la Kapitalo kaj de la Milito. Mi estis ĉe la fino de la marŝo kiam ni eniris en straton paralelan al la maro kie estis statuo de Kristoforo Kolumbo, kiam mi konstatis detruadon similan al tiu de uragano. Mi vidis almenaŭ 5 detruitajn bankojn: la fenestroj kaj la pordoj estis detruitaj kaj la komputiloj estis ĵetitaj sur la stratojn. Aŭtomobiloj estis renversitaj kaj fajroj estis en la malpurigejoj. Ĉe la statuo de Kolumbo la etoso komencis aspekti kiel milito. Estis almenaŭ 5 konfliktaj punktoj. En ĉiuj anguloj estis policistoj kun ŝirmiloj, kaŭĉukaj kugloj unuflanke kaj aliflanke estis la manifestaciantoj kiuj ĵetis ŝtonojn. Estis multaj homoj: la policistoj estis puŝitaj en senelirejon kaj ne povis kontraŭstari la manifestaciantojn. Ili nur sukcesis reagi kiam alvenis la policaj trupoj per kamionetoj. Tiam la policistoj agis sovaĝe. Ili eniris restoraciojn kiuj iĝis rifuĝejoj de la manifestaciantoj, batis multajn el ili, detruis la rifuĝejojn kaj batis la homojn samtempe.

*Johano*

Fonto: Sendependa Centro de Amas-komunikiloj

## BRAZILO

### PROTESTOJ

En la ĉirkaŭaĵoj de la Strato Esperanto, en urbo São Miguel Paulista (ĉe Zamenhof Esperanto-Klubo), homoj tragedie mortas pro kancero pro la polucio fare de la kemia Industrio Nitro-Quimica de la kapitalisma grupo Votorantim. Eks-prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, fondinto de Zamenhof Esperanto-Klubo, emocie citas la nomojn de siaj amikoj kiuj laboris en la kemia industrio kaj asertas: «Ĉiuj mortis pro kancero»

En la momento kiam en la kongresa lando 25 milionoj da infanoj agonias pro la torturo fare de malsato, malsano kaj mizero, okazis kunsido de BID (Interamerika Banko por Disvolviĝado) en la sama loko kie okazos la UK. Banditoj (kapitalistoj kaj ŝtatestroj) kunsidos por daŭre subpremi nin.

Ekstere, laboristoj protestos sub terura minaco de la polico. Oni diras ke FBI jam estas en Fortalezo.

*Johano*

## BELGIO

# Manifestacio kontraŭ la rasismo

Ni iris al manifestacio kontraŭ maltoleremo kaj rasismo. Ni, la dura kerno de la flandraj SAT-anoj, Stella, Willem kaj mi. La granda diskuto, nuntempe en Belgio estas: ĉu doni balotrajton al enmigrantoj? La diskuto de iom da tempo akras inter la partioj kiuj estas nun regantaj en Belgio. La verduloj volas ke enmigrantoj, kiuj loĝas pli ol 10 jaroj en la lando, ricevu balotrajton, do la samajn rajtojn kiel la eŭropanoj kiuj loĝas en Belgio. Ankaŭ la socialistoj kaj la franclingvaj liberaluloj favoras la balotrajton. La flandraj liberaluloj kontraŭas, same kiel la ekstremdekstraj partioj kiel Vlaams Blok. Jes, ni havas en Belgio diversajn specojn da loĝantoj. Ni havas anojn de Eŭropo (EU)

kiuj venas al nia lando por gajni buterpanon, kutime bone ŝmiritan, ne ĉiam kun kiĝo, kaj mi ankaŭ ne scias, se mi povus, ĉu mi nepre volus esti belgo. Eble estus




kaviaro sed tamen kun pli riĉa ornamaĵo ol konfitaĵo. Ili povas, loĝante ĉe ni de 10 jaroj, partopreni balotadon. Eĉ pli, ili havas rajton, kiun la belgoj ne havas. Ili rajtas baloti. Belgoj **devas** baloti.

Nederlanda amiko, kiu loĝas proksime de mi kaj kiu jam dum jaroj loĝas en Antverpeno, rajtas baloti, kaj mi kiu estas denaska «belgo» (titolo kiun mi entute ne petis sed denaske estas altrudata) devas baloti. Jen la demokrata regularo de la lando kie mi loĝas. Magrebanoj, Turkoj, Nord -Afrikanoj kaj ĉiuj kiuj havas «dubindan» koloron, povas iĝi laŭ «rapidsistemo» belgoj. Oni povas iĝi belgo, loĝante dum kelkaj jaroj en Belgio, elspezante malmulte da mono kaj partoprenante facilan ekzamenon! Mi neniam vere informiĝis, ĉar unue, mi jam estas devige belgo pro naskiĝo... amuze, se mi petus la registaron ekde nun esti sennaciisto? Certe ili preferas ke mi restu liberecano, kiu almenaŭ estas konata malamiko. Sennaciisto ! Imagu kion la homoj kuraĝas elpensi?

Nun kelkaj politikaj partioj volas ke ankaŭ enmigrantoj, de kie ajn ili venas, povu baloti, kondiĉe ke ili loĝas ĉi tie de 10 jaroj. La liberaluloj, kiuj proklamas sin batalantoj por la libereco ne volas doni balotrajton al neeŭropaj enmigrantoj. «La enmigrantoj devas iĝi belgoj antaŭ ol ili povu baloti» diris klare la prezidanto de la liberala partio. Kiam ili estos belgoj, ili devos baloti, sed tion li ne menciis. Kiam mi skribas ĉi tiujn frazojn, mi havas la malagrablan senton ke mi loĝas en stranga lando.

Eŭropaj enmigrantoj rajtas baloti sed ne devas. Enmigrantoj el ekster EU ne rajtas baloti aŭ ili devas preni la belgan civitanecon kaj tiam ili devos baloti. Do, ili ne plu rajtos sed kiel denaskaj belgoj devos iri al la urno por elekti propran subtenulon, propran demagogon.

Kiam mi kuris en la manifestacio, mi pensis pri Georges Orwell kaj «Bestofarmo». Ĉiuj bestoj egalas, sed, kelkaj bestoj pli egalas ol la aliaj. Mi ekkomprenis ke mi loĝas en romano. Kiuj estas la ĉefoj? La nuna ĉefministro iom aspektas kiel kuniklo. Li estas liberalulo, aspektas kiel kuniklo sed problemo estas ke mi neniam vidis, ĝis nun, gio. Kion hundo devas, rajtas kaj povas? Ĉu mi devas aŭ rajtas baloti kaj se jes, ĉu mi volas, kaj ĉu mi apartenas al la bonaj belgoj aŭ al malbonaj? Multaj demandoj, kiujn mi neniam devus fari, se ekzistus iomete da egaleco en la lando kie mi naskiĝis. Ĉiuj, kiuj pagas imposton rajtas baloti, povus taŭgi kiel leĝo. Granda problemo tiam estus, ke ni devas voĉdoni por homoj, kiuj mem ne rajtus voĉdoni ĉar ili tiel trompas la ŝtaton kaj socialan sekurecon ne pagante imposton ke ili ankaŭ perdus la rajton al baloto. Certe la afero ankaŭ por vi iĝas tro komplika

Mi iris al manifes-




bluan kuniklon (la koloro de la liberaluloj en Belgio estas blua). Sed, la kunikloj havas la potencon en Belgio, tio devas esti klara.

Al kiu grupo mi apartenas? Laŭ ĉina horoskopo mi estas hundo, do mi nepre devas relegi «Besto farmo-n» por koni mian lokon en la strukturo de Beltacio por ke ĉiuj havu la rajton baloti kaj mi esperas ke, se ĉiuj havos ĉi tiun rajton, ĉiuj estos tiel inteligentaj por ne plu elekti propran demagogon.

La vivo ne estas facila kiam vi estas simpla laboristo kaj volas pensi.

*Jakvo*

# JAPANIO
# EL «AKAHATA»

*La 20-an de februaro aperis sur paĝo 14 de "Akahata" (Ruĝa flago), 16-paĝa tagorgano de Japana Komunista Partio, artikoleto pri la publikigo de eseo pri "Krabŝipo" en la lasta Sennacieca Revuo". Jen ĝia traduko fare de k-do Kurisu Kei.*

（第3種郵便物認可）

二十日が六十九回目の命日に当たる作家の小林多喜二の代表作『蟹工船』のスロバキア語訳の陰には、日本人によるエスペラント訳（エス訳）があった――そうした事実がこのほど明らかになりました。

小林多喜二きょう命日

**日本人の苦労が花咲いた**
**スロバキア語訳「蟹工船」**

エス訳をしたのは東京・世田谷区に住む栗栖継（くりす・けい）さん（九二）。事情を明らかにした栗栖さんのエッセーが『センナツィエーツァ・レヴオ』（パリに本部がある労働者エスペラント運動の世界組織「サート」の機関誌）最新号のトップに掲載されました。表紙には小林多喜二の記念切手（二〇〇〇年発行）の写真を載せています。

戦前、日本共産党を支持して活動した栗栖さんは特高に何度も逮捕され、小林多喜二虐殺のニュースも警察の護送の途中で知りました。

一九三四年、出獄した栗栖さんはソ連のエスペランチストからのすすめで『蟹工船』のエス訳に取り組み、作家の貴司山治の助けで、大量にあった伏せ字を全部復元した翻訳を完成させました。

戦況の悪化でそのエス訳は結局、出版されませんでした。戦後、栗栖さんがエス語で文通したスロバキアのジャーナリストが、栗栖さんのエス訳からスロバキア語に翻訳。一九五一年に発行されました。

栗栖さんは「スロバキア語とよく似たチェコ語訳の『蟹工船』は、伏せ字だらけの本が底本です。重訳が必ずしも直接訳に劣らない一つの例証です」と話しています。

SENNACIECA REVUO

小林多喜二についてのエッセーを載せた『センナツィエーツァ・レヴオ』2000年・2001年合併号

Hodiaŭ, la 20-an de februaro, ni celebros la 69-an datrevenon de la martiriĝo de verkisto KOBAYASI Takizi. Montriĝis lastatempe, ke al tradukado slovaken de "Krabŝipo" kontribuis japano per sia esperanta traduko.

"Krabŝipon" esperantigis s-ro KURISU Kei, nun 91-jara, kiu loĝas en kvartalo Setagaya de Tokio. Lia eseo, kiu klarigas ĉion koncerne tiun aferon, estas publikigita frunte de la lasta numero de "Sennacieca Revuo", organo de SAT, mondorganizo de la laborista esperanto-movado kun sia sidejo en Parizo.

La kovrilon de la revuo ornamas la poŝtmarko, emisiita en 2000 memore pri Kobayasi Takizi. Antaŭ la milito, s-ro Kurisu aktive agadis por JKP, pro kio li ofte arestiĝis de Tokkô.[1] Ankaŭ pri la murdo de Kobayasi Takizi[2] li eksciis, kiam li estis eskortata de la polico.

En 1934, jam liberigita de prizono, s-ro Kurisu komencis esperantigi "Krabŝipon" laŭ konsilo de esperantisto en Sovet-Unio[3] kaj helpate de verkisto KISI Yamazi, kiu plenigis por li ĉiujn forcenzuritajn lokojn, fine sukcesis eltraduki "Krabŝipon" en Esperanton.

Pro la milito, kiu ĉiam pli furiozis[4] lia esperanta traduko ne eldoniĝis. Sed feliĉe post la milito slovaka ĵurnalisto[5] kun kiu s-ro Kurisu korespondadis per Esperanto, slovakigis "Krabŝipon" el lia esperanta traduko, tiel ke ĝi eldoniĝis en 1951.

La ĉeĥa traduko de "Krabŝipo" estis farita rekte el la japana originalo, dum la slovaka traduko nur el ĝia esperanta traduko. Tamen, laŭ s-ro Kurisu, se juĝi inter ili, la slovaka superas la ĉeĥan (cetere la du lingvoj tre similas unu al la alia), ĉar la ĉeĥa baziĝas nur sur la japana eldono plenplena de forcenzuritaj lokoj. Jen pruvo, laŭ s-ro Kurisu, ke nerekta traduko ne nepre estas malpli bona ol rekta.

Tradukis : KURISU Kei

Notoj :

[1] La sekreta polico en antaŭ- kaj dummilita Japanio.

[2] Kobayasi Takizi estis torture murdita de Tokkô en policejo Tukizi de Tokio.

[3] Temas pri Nikolaj Incertov, kiu martiriĝis samkiel multaj aliaj esperantistoj kaŭze de la granda subpremado de la esperanto-movado en Sovet-Unio fare de Stalin.

[4] Estas nur bedaŭrinde, ke en la artikoleto restas prisilentita la fakto, ke la ĉefa kaŭzo de la neeldoniĝo de mia esperanta traduko de "Krabŝipo" estas la malapero, kaŭze de la granda subpremado supre menciita, de EKRELO (Eldon-Kooperativo por Revolucia Esperanto-Literaturo), ĉe kiu ĝi devintus eldoniĝi kaj kiun prizorgadis ĝuste Incertov supre menciita.

[5] Temas pri Imrich Zapulsky, redaktoro de "Praca" (Laboro), sindikata taggazeto en Bratislavo.

## Ĉu vekiĝo?

Eltiraĵo de artikolo aperinta en «Le Monde» de la 18-a de marto sub la titolo : «La afero Enron-Andersen malfirmigas la tutmondan kapitalismon», ĉe : http://www.lemonde.fr/article/0.5987.3234—267139-.00.html

***

La Eŭropanoj kalkulas bone profiti de tiu skandalo por eviti la superregon de usonaj normoj kaj metodoj de kontado, eventuale por atingi la starigon de veraj internaciaj normoj.

«Lasi la sistemon de kontado de unu lando trudiĝi al la ceteraj, tio estas havigi enorman avantaĝon al la entreprenoj de tiu lando, same kiel se oni trudus al ĉiuj uzi nur unu lingvon», klarigas Michel Pébereau, Prezidanto-Ĝenerala Direktoro de BNP Parisbas. (t.e. unu el la grandaj francaj bankoj).

Sed se Usono agnoskis la misfunkciadon de iuj aspektoj de sia financa sistemo, ĝi ne agnoskis tiujn de siaj normoj de kontado.

***

GAZETARA SERVO DE SAT-AMIKARO
Henri Masson

## Ĉu vi ne forgesis pagi vian kotizon ?

# NOVAĴOJ PRI LA GRUPO PORTOS

Inter la arestitoj neniu estas liberigita. Mi ripetas la liston de la arestitoj: Jurij Davydov, Irina Derguzova, Jevgenij Privalov, Tatjana Lomakina. Ĉiuj petoj de la advokatoj liberigi ilin restas nekontentigitaj, kaj ĝis la fino de la proceso ne estas espero pri liberigo.

Formale estas akuzataj kaj serĉataj ankoraŭ dek membroj de la organizo, inter kiuj la membroj de SAT, Tamara Kostjuk kaj Julia Privedjonnaja. Tamen la polico serĉas ilin, feliĉe, nur formale, ĉar aliokaze ili estus jam delonge kaptitaj kaj arestitaj. Sed ĝuste ili, kaj ankoraŭ kelkaj personoj, okupiĝas pri kontraktoj kun advokatoj kaj libervolaj defendantoj (inkluzive min).

La proceso estis artefarite disdividita je du apartaj procesoj: unu kontraŭ Davydov kaj Privalov, kiuj estas proklamitaj «nerespondecaj psike» kaj la dua - por Derguzova kaj Lomakina, kiujn proklami nenormalaj ne aŭdacis eĉ la policaj «psikiatraj ekspertoj». (Cetere, dum la unua proceso la advokatoj postulos trovi sendependajn ekspertojn por la «nenormaluloj»). Ambaŭ procesoj devis komenciĝi la 28-an de januaro, sed por la «normalaj» malsanis la juĝisto, kaj ĝi estis prokrastita denove ĝis la 18-a de februaro. Por la «nenormalaj», la unua kunsido la 28-an de januaro okazis, sed estis nur formala komenco. Atestantoj forestis, ĉar plejparte ili estas loĝantoj kaj civitanoj de Ukrainio, kio ĝenerale malfaciligas la juĝejan esploradon. Ĉiuokaze, ambaŭ procesoj daŭros, evidente, tre longe (kaj, mi ripetas, espero pri liberigo de iu el la kvaro dum tiu tempo estas tre malgranda).

Membreco en la organizo «Portos» estas libervola, sed, ĉar temas pri vivo en la komunumo, la membroj devas obei certajn regulojn. Mi konas kelkajn personojn (ekz., membro de SAT, Piotr Sjutkin, estinta iam unu el gvidantoj de la organizo), kiu iam membris en PORTOS, sed post kverelo kun aliaj anoj de la organizo foriris el ĝi. Laŭ mia kompreno, temas pri kvazaŭ familiaj rilatoj inter la membroj, kiuj konstante en la komunumo kunvivas. Ili ne ricevas individuajn salajrojn. Ĉiuj enspezoj estas komunaj.

Por la mastrumado PORTOS dungis laboristojn («specialistojn»), kiuj ne membris en la organizo, sed laboris kontraŭ salajro. Certe, la rilatoj kun ili estis rilatoj inter dungantoj kaj dungatoj, sed la dungatoj devis, krom plenumo de la laboro, obei certajn regulojn (ne drinki, ne blasfemi, ne fumi dum komuna laboro kun la membroj de la organizo, ktp.). Laŭ mia scio, konfliktoj okazis, sed plejparte la «specialistoj» ne emis forlasi la laboron ĉe PORTOS, ĉar la salajroj estis eĉ iom pli altaj, ol kontraŭ la sama laboro ĉe aliaj entreprenoj.

La tria kategorio estis adoleskantoj (15-17-jaraĝaj) el «komplikaj» familioj, kiujn PORTOS prenis por edukado. Ilin sendis al la organizo la patrinoj de tiuj infanoj, plejparte el Ukrainio, provinco de Ĥarkiv (kie ja PORTOS havas siajn filiojn). Tiuj infanoj devis loĝi ĉe la komunumo, lerni en la vespera lernejo, labori kun la membroj kaj obei ĉiujn regulojn. Neobeo al la reguloj (drinkado, fumado, foresto en la lernejo kaj laboro, ktp.) sekvigis punon aŭ forsendon hejmen. La elekto de la puno apartenis al la edukatoj mem, kaj inkluzivis ankaŭ batadon (vipadon per ŝnuro ĉefe).

Tio vere okazadis, kaj la (sola) vera akuzo post la aresto de Davydov kaj aliaj estis la fakto, ke du knaboj (16- kaj 17-jara), loĝintaj ĉe la organizo, estis vipitaj per ŝnuro post fordrinko de botelo da vodko.

Pri la sekteco de la grupo mi jam respondis al vi antaŭ sufiĉe nelonge. Jes, estas grupo, laborkomunumo, kiu provas konstrui propran vivmanieron (kaj diskonigi sian sperton) surbaze de certaj ideoj kaj etikaj reguloj. La ideologio ilia estas, sendube, eksterreligia (kvankam laŭ Davydov, li uzis por sia «teorio de feliĉo» certajn etikajn erojn el diversaj religiaj instruoj), do, pri iu «sekto» en tradicia senco de tiu nocio, certe ne temas. Ankaŭ ne temas pri «ekspluatado de la membroj», ĉar la membreco estas libervola kaj egala, kaj ĉiuj membroj havas la samajn posedrajtojn. Dispono de la rimedoj, elspezoj kaj ĉiuj gravaj aferoj estas decidataj per komunaj kunvenoj (cetere, pro tio estas tre komplike trakti kun ili pri defendado de la arestitaj anoj. Se mi, aŭ advokatoj, parolas kun iu el ili, neniun decidon eblas fari tuj. Ili nepre transdonas la enhavon de la interparolo al la kolektivo, kaj nur la kolektivo decidas, ĉu akcepti iun certan proponon aŭ ne). Tamen la organizo estas tre forte ligita kaj stabila. Post frakaso de la organizo kaj aresto de parto de la membroj, el 40 konstantaj membroj forlasis la organizon nur dek. Tridek ceteraj restis! Do, la fakto ke en tiom ekstremaj kondiĉoj plejparto restis malgraŭ minaco (por multaj) pri aresto kaj senespero rekonstrui la tuton en la antaŭa amplekso kiam ajn, plejparto ne forlasis la organizon, atestas pri nepra libervolo de la membraro kaj konvinkeco pri la praveco.

Ili, certe, faris erarojn. Laŭ mia opinio, la ĉefa afero estis, ke ili ne devis preni por edukado deliktemajn infanojn. La plejparto de la membroj venis mem el bonaj familioj, bone lernis ktp., eĉ se venis al la organizo mem en la aĝo 16-18 jaroj. Davydov iam diris, ke lin lia patro en la infanaĝo batis, kaj lin tio plibonigis. Sekve, nenion malbonan li vidas en la fizikaj punoj. Jes, la ĉarma juna advokato de Davydov, konatiĝante kun la «edukitoj», diris: «Bati infanojn ne eblas, sed ankaŭ ne bati ne eblas...». Sed tio, certe, estis la vera delikto. Por ĝin eviti, simple ne endis okupiĝi pri edukado de «komplikaj infanoj».

Sed, ĉiuokaze, ne tio estas la ĉefa akuzo kontraŭ Davydov kaj aliaj: la ĉefaj akuzoj, mi ripetas, estas «kreo de neleĝa armita taĉmento» kaj «kreo de organizo kun kontraŭhomaj celoj». Ambaŭ akuzoj estas konstruitaj sur arbitraj decidoj de policanoj kaj prokuroro. Ili havas neniajn verajn pruvojn pri tio. Kaj ĝuste pro tiuj akuzoj ilin atendas (okaze de akuza verdikto), longa enkarcerigo.

*Nikolao Gudskov*




# MORTPUNO EN ZAMBIO

Amnestio Internacia ĵus aperigis raporton pri la mortpuno en Zambio.
La organizaĵo kontentas, ke ne estis multaj ekzekutoj en la lastaj jaroj kaj neniu depost 1997. Sed, ĝi malkvietas pro la fakto, ke la listo de la krimoj, pro kiuj eblas la mortpuno, estis plilongigita kaj ke 59 mortverdiktoj estis prononcitaj en 1999 sekve de proceso pro perfido, dum kiu estis seriozaj asertoj pri torturo kaj malleĝa malliberigado.
Amnestio Internacia petas de la zambia registaro :
- Tuj decidi moratorion pri la mortpuno, por ke Zambio konformiĝu al la afrika kaj internacia emoj abolicii la mortpunon.
- Nuligi la decidojn, kiuj plilongigas la liston de la krimoj, pro kiuj eblas la mortpuno. Aparte, ne peti la mortpunon por ĉiu persono akuzata laŭ la propono amendi la leĝon pri la ŝtata sekureco de 1999, se tiu amendo estos voĉdonita. Laŭ tiu amendo, eblus la mortpuno pro manifestacio apud registara konstruaĵo.
- Nuligi la leĝon devigantan la mortpunon kaj ebligi individuajn verdiktoj por ĉiuj akuzitoj.
- Mildigi ĉiujn mortpunojn de personoj deklaritaj kulpaj pro deviga mortpuno.
- Havigi taŭgan kaj efikan juran reprezentadon, se necese senpagan, al ĉiuj akuzitoj, kiuj riskas la mortpunon, same dum la komenca proceso kiel dum la apelacio, kaj ankaŭ por la pardonproceduro.
- Mildigi la mortverdiktojn de ĉiuj personoj, kiuj troviĝas en la mortkoridoro post kondamno pro pruvoj akiritaj per torturo, notinde la 59 kondamnitoj pro provo de ŝtatrenverso de 1997. Pri tiu proceso, kaj ĉia alia proceso, en kiu tuto aŭ parto de la pruvoj prezentitaj al la komenca proceso estis akiritaj per torturo, la kondamnitoj devas esti rejuĝataj.
- Sendi la konkludojn de la raporto de la enketkomisiono estrata de sinjoro Banda, juĝisto ĉe la Alta Kortumo, pri la asertoj de torturo de personoj suspektataj pri kulpeco en la provo de ŝtatrenverso de 1997, okaze de la prezentado de la unua raporto de la registaro al la Komitato de UNO pri la torturo en novembro 2001.
- Organizi perfekte klaran pardonproceson kun la rajto por la kondamnito prezenti siajn argumentojn, kun justica helpo, kun la rajto kontesti la prezidantan prerogativon pri pardono antaŭ la tribunaloj en ĉiuj kazoj, kie mortpuno eblas.
- Havigi taŭgan regulan medicinan prizorgon al la malliberuloj de la mortkoridoro
Krome Amnestio Internacia petas:
- Ke la Komitato pri la homaj rajtoj de UNO enketu pri la fakto, ke Zambio daŭre ne aplikas la decidojn de la Komitato kaj pri la daŭrigo de la atencoj kontraŭ la internacia pakto pri la civitanaj kaj politikaj rajtoj.
- Ke la internacia komunumo helpu al Zambio por la formado de advokatoj kaj juĝistoj, kaj decidu ĉion necesan por la plibonigo de la justico.

*Jacqueline Lépeix*

# DIAMANTO KIEL KAŬZO DE ARMITAJ KONFLIKTOJ

*Tralegínte en la ĵus alveninta marta numero de «Sennaciulo» kun granda intereso la vervan raporton pri la nigra diamanto de Jakvo, mi tuj ekrememoris interesan raporteton de EGI Singo, korespondanto de «Asahi», japana taggazeto populara precipe inter intelektemaj legantoj, pri diamanto kiel kaŭzo de armitaj konfliktoj en Afriko, publikigitan la 15-an de februaro ĉi-jare en la matena eldono de «Asahi». Mi do eltondis ĝin kaj ĝis nun konservis en mia dosiero por eventuala utiligo. Nun mi esperantigis ĝin por «Sennaciulo» kredante ke ĝi interesos ne nur Jakvon sed ankaŭ multajn aliajn kamaradojn el la tuta mondo.*

Nairobi, la 14-an de februaro 2002: EGI Singo

«Ne estas garantio, ke diamanto donacita al amatino spronas atencon kontraŭ homrajtoj. Do ĉiuj koncernaj landoj rapidu enkonduki sistemon, kiu atestas, ke ĝi estas vere produktita en lando ekster la armitaj konfliktoj!»
Tiel alvokis okaze de Valentina Tago (la 14-a de februaro), ok internaciaj neregistaraj organizoj inkluzive Amnestion Internacian, pro tio, ke diamanto estas ĝis nun kontrabandita en Angolo, Kongo (estinta Zairo) kaj aliaj afrikaj landoj por gajni monon por aĉeti armilojn uzotajn en konfliktoj. Estas vero, ke UNO sankcias la kontraŭregistarajn organizojn, kiuj kontrabandas diamantojn, kaj la landojn suspektatajn, ke ili helpas tiujn organizojn elmerkatigi diamantojn, kiuj kaŭzas armitajn konfliktojn. Sed sensukcese, ĉar ĝis nun ne troviĝas efika sistemo, kiu atestus, ke la koncernaj diamantoj estas produktitaj en lokoj, kiuj havas nenion komunan kun la armitaj konfliktoj, tiel ke ekzistas nenia rimedo por preventi enmerkatiĝon de tiaj «konfliktaj diamantoj».

*KURISU Kei, Japanio*

# AMARA PANO

Antaŭ nelonge mi legis (kaj finlegis) la libron "Amara pano". Ĝia aŭtoro estas Joszef Darvas, tradukis ĝin el la hungara Ladislao Somlai. La originala hungara titolo de la verko estas Vizkereszttöl Szilveszterig (De Epifanio ĝis Silvestro). La Esperanto-traduko estas kontrolita de la Literatura Komitato de SAT, kaj eldonis ĝin la Libro-Servo de la Dana Laborista Esperanto-Asocio.

Sed nenie en la libro mi trovis indikon, kiam aperis la originala libro, en kiu jaro aperis la Esperanto-traduko. En la teksto aperis nur dufoje ia mencieto pri la jaro deknaŭ (paĝoj 40 kaj 71). Sed laŭ tio ne eblas konkludi, kiam la originalo kaj la traduko estas eldonitaj. Kiu konas tiujn detalojn?

Nora Caragea

*Viaj opinioj...*

## Kie ekzistas landlimo privata ?

Ĉu vialanda konstitucio havas artikolojn pri fundamentaj homrajtoj ? Tiu de Japanio jes. La artikoloj de la 10-a ĝis la 40-a temas pri «Rajtoj kaj devoj de la japana popolo». En la unuaj ses la subjekto de la artikolo estas aŭ «la japana popolo» aŭ «la popolo». Kvankam troviĝas ankaŭ «iuj homoj» krom «la japana popolo» kiel ilia subjekto, tamen fundamentajn homrajtojn garantias fundamente ŝtato al sia propra popolo.

Do miajn homrajtojn garantias la ŝtato, kondiĉe, ke mi estas ŝtatano de Japanio. Sed kial mi apartenas politike al Japanio, kaj kial mi ne havas alian eblon ? Por mia kazo la kialo estas simpla: Pro tio, ke mi naskiĝis ĉe la gehomoj, registritaj nur de la japana ŝtato, kaj ili registris sin kiel geedzoj, kaj ili ankaŭ min registris ĉe japana ŝtato. Kompreneble ĉio okazis ekster mia propra volo kaj klopodo.

Aliflanke, malsame kiel bebo, kiu ne povas paroli, gepatroj havas kelkajn - se ne multajn - elekteblojn. Nu, kion vi, karaj legantoj, pensis kaj kalkulis, kiam vi ekhavis infanon ?

Agnes Chan, kiu naskiĝis en Honkongo kaj poste debutis en Japanio kiel idolino-kantisto, edziniĝis kun japano. Agnes naskis sian unuan infanon en Usono, kaj la duan en Kanado. Ili intence prenis la taktikon naski la infanojn en la landoj, kiuj donas civitanecon al la infanoj naskiĝintaj enlande, tiel ke la infanoj povu havi pli vastan elekteblon por vivi, kaj eventuale ili mem povu havi eblon rifuĝi surbaze de la aliŝtataneco de siaj infanoj.

Alia ekzemplo. Sociologo Ĉong Jonh-Hui prezentas pluridenticismon kiel rimedon kontraŭstari al ŝovinismo: « Mi pensas, ke homoj, kiuj vivas super kaj trans nacioj, pli kaj pli profundigu tiun interplektadon trans nacioj, kaj tio kondukos al sensencigo de la landlimoj . « Leĝo pri ŝtataneco estas, laŭ Ĉong, fonto de riĉaĵo, per kiu ŝtato regas kaj unuecigas la popolon, disdonante sian ŝtatanecon sufiĉe prudente por elekti siajn anojn.

Ordinare, kiam oni ekkonscias sian ŝtatanecon kaj naciecon, inkluzive de duobla ŝtataneco, oni trovas sin jam politike determinita de ekstere. Tion ŝanĝi konscie ne estas facile. Oni ja bone scias, kiel malfacile estas gajni alilandan ŝtatanecon. Iuj estas eĉ kulpigitaj pro deziro forlasi sian, hazardan naskiĝlandon kaj socion kaj havi volon por pli bona vivkondiĉo.

Ŝajnas al mi, ke naskado kaj geedziĝo estas en la vivo esceptaj ŝancegoj povi ŝanĝi sian ŝtatanecon. Ni ne malatentu la fakton, ke la konceptoj de ŝtato kaj nacio estas forte ligitaj al la sistemo de familio, al mia kaj via privataj familispacoj.

Estas malfacile mobilizi multajn homojn kaj okazigi socian revolucion. Sed revolucio en persona, privata vivo, ne estas ebla. Tio, kion oni pensas la plej privata, estas fakte la plej forte ligita al la socia strukturo. Kiom ajn noblajn ideojn oni havas, kaj kiom ajn oni fervore parolas pri ili en kabineto, la ideoj estos facile forigitaj kaj ekonomie kaj politike, se oni ne prenas sian propran vivon por kritiko.

Ni tamen devas agnoski, ke persona konscia elekto estas ebla ne por ĉiuj. En la kazo de Agnes Chan, kapablo pagi vojaĝkoston kaj korpa forteco sufiĉa por moviĝi eksterlanden estas la necesaj premisoj. Kaj ĉiukaze tio estas kompromiso, ĉar oni nur povas elekti ŝtatanecon, kiu havas leĝon naskiĝlokisman.

Imagu homon, kiu baldaŭ naskos bebon sed havas nenian privilegion, loĝante en triamonda lando aŭ estante en mezo de milito. Kiom ajn konscia oni estas, oni ne povas aĉeti flugbiletojn.

Ĉu infanoj estas posedaĵo de gepatroj ? Nuntempe oni postulas tion. Batalo de ŝtatoj kaj nacioj daŭre okazos, ĉar tio estas origino de ŝovinismo. Se oni rilatas al aliaj homoj surbaze de kialo de sento de propra posedaĵo kaj membreco, oni mem kreas limon por sia ago kaj sincereco.

Infanoj, nome homoj, devas aparteni al siaj gepatroj aŭ hazarda sola nacianeco aŭtomate? Nepre ne. Ja, pro tio iuj feliĉe vivas, surstarante la fakton dume aliaj suferas pro sama kialo.

Sed eĉ por forlasi tian altrudon, nur homoj kiuj havas bonkondiĉojn apenaŭ realigas sian ideon nun. Kiun rimedon povas elekti unuopaj transnaciuloj kaj sennaciuloj en sia propra juĝo kaj decido, ekzemple en sia geedziĝo unuigitaj, sen klara konscio kaj strategio. Kompreneble, nur moviĝi de unu aneco al alia aneco ne havas grandan sencon. Mi ne asertas, ke oni povu pli libere konkurenci por gajni la ŝtatanecon por si plej favoran.

Jen grava demando: Kiel oni povas krei tian memstaran identecon, spiritan kaj korpan, kiu sensencigos la landlimojn ? Kiamaniere oni povas efektivigi tion, ekzemple rilate al privata ŝtataneco, kaj en kamaradecaj komunumoj?

Viola

Konsultlibro:
«Kio estas Problemo de Alilandanoj.» [Revue de la pensée d'aujourd'hui] 1993 Vol.21-9 Seido-sha Ueno Ĉizuko kaj Ĉong Jonh-Hui (Japanlingve)
«Ĉu Zamenhofa Maljusteco?» [Esperanto en la 21a Jarcento] 2001 Korea Esperanto-Asocio,Kep Enderby.



## Kia tutmondiĝo

- respondo al Gary Mickle

Gary prave konstatas, ke temas pri du diversaj aferoj, nome unu «desuba», kvazaŭ «natura», kiun kontraŭbatali nek eblas, nek indas, kaj alia, «desupra», altrudita al la homaro por maksimumigi la profiton de kelkaj individuoj.

Konsiderante la evoluon de la lastaj jaroj, mi aŭdacas proponi eĉ trian koncepton. Ĝi povus kovri la konscian agadon de tiuj homoj, kiuj decide malakceptas la aserton de transnaciaj konzernoj kaj servopretaj politikistoj, ke ne ekzistas alternativo al novliberalisma novordigo de mondaj merkatoj. Ili mem dinamisme unuiĝas sub la slogano «Alia mondo eblas!» Ili ne nur pasive observas la kvazaŭ naturan malvastiĝon de la terglobo, sed sisteme eluzas la novajn teknologiojn, por krei kunlaborajn retojn ĉirkaŭ la mondo kun la celo «ĵeti sablon en la radaron de la turbo-kapitalismo».

Sekve mi proponas konsideri tri nociojn:

A: kvazaŭnatura procezo, ligita al koncepto de «tergloba vilaĝo», kiu akceliĝas per utiligo de novaj teknologioj

B: evolufazo de la kapitalismo, karakterizita per liberaligo de la monda ekonomio, evito de naciaj im-

postoj kaj doganoj kaj koncentrigo de financa potenco

C: konscia agado de tutmonde plivastiĝantaj movadoj de tiuj homoj, kiuj kontraŭas la negativajn sekvojn de B. kaj interretiĝante fariĝas grava politika faktoro.

Kompreneble ĉi tiuj proponoj povas esti nur unuaj skizoj, kiuj bezonas diskuton. Sed kaze de ilia principa akcepto fare de la bezonantoj, mi povus imagi, ke por la nomado ni unue nur proponu radikojn, nome por A kaj C la jam uzatan, esperanto-propran «tutmond-», kiu por A povus ricevi aldonan -iĝ-», por C aldonan -ig-, kaj krome, laŭbezone, -o, -i, -a aŭ -e.

Por C mi proponas neologismon, nome la internacie uzatan kaj ĝenerale konatan «global-», (same laŭbezone kompletigeblan) por klare distingi la nocion B disde A kaj C.

Unu el la argumentoj kontraŭ ĉi tiu propono povus esti, ke aliaj lingvoj ja ne havas eblecon, diferencigi per unu vorto la diversajn konceptojn. Se estas tiel - mi ne scias pri aliaj kaj povas kompari nur kun la germana - mi respondus: Supozeble etnolingvoj havos (aŭ eventuale jam havas ?) novan vorton, simple ĉar ĝi montriĝos necesa.

Kion vi opinias?

*Vera Blanke*



## Respondo al Jacqueline Lépeix

Kara Jacqueline, mirigas min iom viaj demandoj en la februara Sennaciulo sur paĝo 28.

Plej verŝajne ĉiuj SAT-anoj scias ke vi estas lerta tradukistino kiu jam tradukis plurajn anarkiistajn kaj liberecanajn tekstojn de famaj anarkiistoj. Kion mi fakte volas diri estas, ke vi sendube konas la pensojn de anarkiistaj gravuloj, do ankaŭ de tiuj anarkiistoj kiuj anas en SAT.

La 74-a Kongreso de SAT instigis membrojn de SAT agadi en la sino de, aŭ subtene al Amnestio Internacia (A.I.). Mi ne nur subtenas la rezolucian tekston sed ankaŭ estis unu el ĝiaj verkantoj. Se mi bone memoras, neniu voĉdonis kontraŭ ĉi tiu punkto de la gvidrezolucio. Mi ankaŭ ne povas imagi kial iu kontraŭvoĉus.

Evidente tio ne signifas ke homoj kiel mi ne havas kritikon al certaj aferoj en A.I. kiu nepre devas esti plibonigitaj. Ekzemple kaj laŭ mi la plej grava, la manko al respekto pri lingvaj rajtoj. Sed nu ĉi tio ne estis via demando, ĉu?

La egiptian sufismaninon kiu troviĝas en malliberejo pro sia religia aktivado, oni kiel eble plej rapide liberigu, ĉar en ĉiuj landoj ni devas celi liberecon al penso kaj kredo. Ne nur por kredantoj evidente, sed por ĉiuj homoj kaj pensoj kiuj povus liberigi kaj eduki homojn.

Mi ne povas imagi, kaj nun mi estas ĉe ero du de via letero, ke iuj anarkiistoj volas promesi, ke li respektu tekstojn de UNO. UNO estas formo de ŝtataparato kaj farante viajn tradukojn de tekstoj de Kropotkin, vi certe lernis, ke anarkiismo kaj ŝtato estas malamikoj. Ĉu ne sufiĉas por vi ke anarkiistoj, el sia anarkiisma penso, promesas al si mem ke ili respektu homajn rajtojn. Mi ne bezonas UNO-n por ke mi respektu la rajtojn de ĉiuj homoj. El mia liberecana filozofio mi nur povas respekti homajn rajtojn. Se mi ne farus tion, mi ne rajtus uzi la vorton anarkiista aŭ liberecana por indiki mian penson.

Kiam mi skribus al ŝtatestro, certe ne estus por ke li kreu tribunalon. Ni ne devas krei tribunalojn sed eduki homojn. Eĉ tribunalojn kiuj kondamnas ŝtatestrojn pro la fiagadoj kiujn ili faras dum la regad-periodo mi ne volas havi. Sufiĉas ke malaperu ŝtatestroj.

Via lasta ero iom ĝenas min. Ŝajnas al mi ke en via A.I. grupo mankas la plej grava, kiu estas, libereco. En la antverpena grupo de A.I. oni rajtas partopreni. Ne ekzistas en ĝi strikta regularo. Mi de tempo al tempo agadas kaj skribas leterojn por liberigi personojn kiuj, pro iu kialo, troviĝas en malliberejo. Okazas, ke mi pro aliaj okupoj dum kelkaj monatoj faras nenion. Mi ankaŭ agadas en ABC, kiu luktas por liberigi politikajn malliberulojn. Vi certe konas ĉi tiun liberecanan strukturon, ĉu ne?

Ĉu ankaŭ vin ĝenas ke la leteroj de A.I. neniam respektas la lingvojn de la landoj al kiuj oni devas skribi. Plejlaste mi sendis leteron al la ĉefministro de Israelio. En la angla, notu bone. La lingvo de Israelio entute ne estas la angla, do eble vi povas respondi al mi, kial A.I. ne zorgas ke oni havu ekzemplan leteron en la lingvo de la lando. Kutime mi solvas la problemon sendante leteron en Esperanto. La avantaĝo estas ke mi almenaŭ scias kion mi skribas. Eble estus bone se SAT sendus ekzempleron de la karto defende de la Portos grupo al A.I., tiam ili povos konstati kaj lerni ke oni povas respekti la lingvajn rajtojn kaj samtempe sendi tekston en universala lingvo Esperanto. Kiel sekretario de via A.I. grupo vi eble povas esti avangarda kaj preni la paŝon al pliboniĝo.

Montriĝas ke ni batalas en la sama batalo. Mi vere bedaŭras ke neniu trovas tempon por krei iun «Amnestian Frakcion». Frakcio, kiu ricevos siajn proprajn malliberulojn, por ke ni Esperantistoj povu sendi leterojn al subpremantoj de libereco de penso kaj ago. Ni ambaŭ batalas por ke homoj havu la rajton al libereco de penso kaj ekzisto. Vi en strikta strukturo, mi kiel libera birdo. Lasu nin esperi ke ni ambaŭ sukcesu.

*Plej kamarade via Jakvo,*
kompilanto de Liberecana Ligilo la revuo de la Liberecana Frakcio de SAT

## NEKROLOGO

En Eschborn (DE), forpasis la 21.02.2002, en la aĝo de 69 jaroj, nia malnova kaj fidela membro, k-do

**Manfred FÜHRER**
**(matr. 29371)**

Li estis multjara estro de la libroservo de G/LEA. Ni kondolenĉas al lia edzino, nia kamaradino Consuelo, al la G/LEA kaj al aliaj familianoj kaj geamikoj.

Aliĝu al nia kongreso en Alicante.

Mirinda loko kaj interesa programo atendas vin.




# INTERVJUO

kun Gerardo Rollin, okaze de la ĵusa apero de la nova eldono de AMIKECA RETO, fare de la redaktanto de Sennaciulo.

*- Kara Gerardo, ĉu estas ia rilato inter nia rubriko Taga Vivo kaj la Amikeca Reto?*

- Reale estas multaj komunaj trajtoj. Unue mi deziras atentigi pri la fakto, ke ambaŭ aferoj kreiĝis sub la aŭspicioj de la Plenum Komitato de SAT, kaj aparte sub la subteno de nia kamarado Ivo Peyraut.

*- Jes, kaj do?*

- Oni devas memori, ke tra Ivo, la PK ofte petis ĉies ideojn kaj proponojn. Ivo mem senhezite proponis al multaj ĉirkaŭ si iel kunlabori. Mi memoras aparte, antaŭ pluraj jaroj jam, la deziron de Ivo legi eĥojn de la taskoj de nia Reto en la gazeto Sennaciulo mem. En tiu epoko lia propono aspektis iom nebula al mi por ia «klasbatala gazeto».

*- Kaj hodiaŭ?*

- Hodiaŭ Taga Vivo estas unu regula rubriko de Sennaciulo inter aliaj (kiuj atendas sian redaktanton). Ni deziras pritrakti sentabue ĉiujn temojn de normala homo nuntempa. Tiu baza pristudado de la vivo de simplaj homoj povas konduki al multaj analizoj kaj al multaj personaj evoluoj. Kaj tio estas unu inter niaj asociaj celoj. Niaj socioj rapide evoluas, kaj same la mensoj de la loĝantoj. Nia enasocia studado devas sentime alfronti diversajn realecojn, anstataŭ sin kaŝi malantaŭ pompaj doktrinaj deklaroj.

*- Ĉu same por la Amikeca Reto?*

- Tute same, ĉar plej grava estas la indeksoj por kontakti homojn laŭ interesoj. En la eldono 2002 - 2003 ĵus aperinta ni dediĉis tri paĝojn al la diskuttemoj ekzemple. Nia profunda espero estas konstati disversdirektan uzadon de la retlibro por ĵeti bazojn de supernacia agado.

*- Ĉu la A. Reto estas sennacieca?*

- Ne en la senco de la statutoj de SAT, sed en la spirito jes. Amuzas min rifuzi la landlimojn kaj tiel altiri riproĉojn. Por mi, evidentas ofte kelkaj geografiaj proksimecoj dum la landlimoj starigas stultajn kurtenojn blindigajn. Mi volus indiki la limojn de kelkaj kreskaĵoj kiel olivo, vito aŭ rizo, sed mankas al mi la tempo.

*- Onidire estas pluraj nedecaj anoncoj…*

- Jes efektive, jam de pluraj jaroj ni devas alfronti anoncproponojn, kiuj povus aspekti skandale al kelkaj. Post cerbumado, ni opiniis saĝe lasi plenan liberecon al la retanoj. Tiu kiu kontaktas homon post legado de lia anonco, plene respondecas pri siaj agoj. Kontraŭe oni povus riproĉi de ni ne doni plenan bildon de la ulo pro parta cenzurado de la anonco.




*- Kio nova en la venonta eldono?*

- Nenio fulme nova, escepte la deziro doni unu ekzempleron de la libro al ĉiu retano. Tio dependos de la vendoj en proksimeco. Estas nur mona afero. Poste mi mem laboregos por aktualigi la TTT-paĝaron kaj instali novajn ilojn por ekzemple pli facile kaj pli funde trovi ion en la libro (tra lingvaĵo PHP)

*- Kio estis ciaj malfacilaĵoj en ĵuseco?*

- Ve, mi devis batali kaj kontraŭstari senkompatan viruson. Feliĉe mi ricevis bonajn helpojn. Je la alia ekstremaĵo lerte adaptiĝis profesia kunlaboranto, nia kamarado Petro Chrdle. Nun ni devas vendi kaj vendi, se ni ne deziras malaperi..

*- Bonan kuraĝon por la estonteco!*

- Ĝis revido

P.S. la libro estas vendata je 12 eŭroj afrankite (23 € por tri libroj afrankite)
Gerardo ROLLIN
AMIKECA RETO
88, rue Victor Hugo
FR-37400-AMBOISE

## El la SAT-sidejo

67 avenue Gambetta
FR-75020 Paris
Tel: +33.1.47.97.87.05
Fax:+33.1.47.97.71.90
Rete: satesper@noos.fr

## FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke post kelkaj monatoj ni povos eldoni ĝin. Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-

La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :
n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".
Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

## FINIĜIS ANTAŬPAGO POR NOVA P.I.V.

Dum la kongreso en Nagykanizsa, SAT decidis fini la antaŭpagperiodon kun rabatita prezo por la nova PIV. Ekde ĝia apero oni povos aĉeti ĝin laŭ la normala vendoprezo. La definitiva vendoprezo kaj la aperdato de la nova PIV estos anoncitaj en la reto kaj en E-gazetaro.

**HELPO AL LA ASOCIO**

**En Hispanio (€)** J.M. Bernabeu 5,75; A. Cano 5,90; M. De Seabra 7,90; M. Lloberas 2,95; L. Maziy 5,42; E. Nakazawa 8,13; B. Raposo 8,13; P. Sanz 6,00;
**En Svedio (SEK)** Ge-Lindkvist 30,00;
**En Francio (€)** A. Laverre 11.00; Calas memore de Ivo 15,27;
**En Svisio (CHF)** C. Gacond 6,00; Rivière 16,00;
**En Nederlando (€)** v.Hulst-Maasdam 1,80; v.d. Blink 10,25; A.J. Bakker-ten Hagen 100,00; B.P. Weber 6,80; A. Zwartepoorte 4,80;

SAT havas novan domajnadreson:

**sat-esperanto.org**

## VORTOJ DE LA KASISTINO

Karaj gekamaradoj,

mi volas altiri vian atenton pri la bankelspezoj. Nuntempe plej multaj el eŭropaj landoj uzas eŭron. Sed, se la pago per biletoj aŭ moneroj ne okazigas kromajn elspezojn, ne samas por la ĉekoj, kiam oni pagas per ili en aliaj landoj ol sia propra.

Vidu ekzemplon:

Iu Belgo aĉetis en la sidejo libron je valoro de 25 eŭroj. La aĉetanto asertis ke per ĉeko en eŭro ne estos elspezoj. Nun ni ricevas la valoron ĉe nia poŝtkonto: depreno de 13,50 eŭrojn (10 eŭroj deprenitaj de la banko de la kliento, 3,50 de nia poŝtĉekejo); tio estas 58,70 %!!!

Ne estas same kiam la kliento sendas ĉekon kies pagloko estas en Francio.

Pro tio estas pli bone ke la aĉetantoj ekster Francio pagu rekte al nia peranto, informante nin, por ke ni ne admonu ilin antaŭ ol la peranto sendu al ni spezofolion.

Tiuj, kiuj havas konton ĉe UEA povas pagi el sia konto al la konto de SAT ĉe UEA: satx-s. Bonvolu informi pri tio, por eviti grasigi la bankojn per nia mono, kiu estas multe pli utila por aliaj niaj celoj.

**Al Francaj SAT-anoj**

Por ni estas pli facile, se vi sendas vian kotizon al nia landa peranto kaj ne rekte al la sidejo. La adreso de nia peranto: Petro QUILLAUD, 16 rue du Lt. Vaisseau Paris, 76120 Le Grand Quevilly. Pĉk: «SAT-Peranto», n° 17 333 10 N; Paris. Estas pli simple registri la kotizojn grupe ol individue en niajn kontojn. Plie, tio devigas nin informi nian peranton pri via pago.

Dankon pro via atento.

Tereza

**NOVALIĜOJ**

35.540 Hernandez Ubeda Pedro A., c/Cleopatra 5, portal H, 2°B, ES-28018 Madrid, Hispanio
35.541 Ivanov Ivan Petkov, Ĵk. "Krasno selo" bl. 19a, vh. IV, et. III, ap. 90, BG-1680 Sofia, Bulgario.
35.542 *Ganĉeva Cvetana, Ĵk. "Vrabnica" bl. 614, vh. D-24, BG-1231 Sofia, Bulgario.
35.543 Kiĉikov Ĥristo Ĥristov, kv. POPOVCI, BG-5345 Gabrovo, Bulgario.
35.544 *Stojanova Ivanka Kirĉeva, PK 701, BG-9000 Varna, Bulgario.
35.545 Nikolov Dimitar K., kv. "Dame Gruev" bl. 21, vh.A-6, BG-8803 Sliven, Bulgario.
35.546 *Ari-Martinelli Perla, Via Battisti 48, IT-20048 Vimodrone / MI, Italio.
35.547 Asocio «Esperanto Vive», Maison des Associations, Fr-73000 Chambéry, Francio

# El la ret@ SAT-diskutejo

Oni apenaŭ povas imagi, sed dum la mallonga monato februaro, la SAT-diskuto al kiu partoprenas nuntempe 78 membroj, liveris al ni pli ol 310 mesaĝojn.
Tute freneze estas ke mi, komence de februaro promesis al Kreŝo fari ĉiun monaton raporteton pri la diskutoj el nia interreta forumo. Mi simple povas glui ĉiujn mesaĝojn en longan katenon de informoj, sed ne kredas ke per tiu maniero povas legiĝi ajnan k-don. La informo kiun mi do nun donas estas subjektiva, propra elekto, tamen kun la espero ke mi kiel eble plej bone reflektos la ĝeneralan etoson kaj bildon el nia interreta agoro (agoro ne-PIV a vorto kiu indikas lokon kie oni diskutas, interŝanĝas ideojn).

La plej okulfrapa diskuto al kiu multegaj k-doj partoprenis, okazis post mesaĝo de k-do Bela Kovacs : Mi ne scias, li skribis, kiel Vi opinias, ĉu SAT bezonus reformojn? Ni devus malfermi pordon antaŭ la tutmonda esperantistaro. Jes mi jam aŭdas la riproĉon de multaj listanoj: Ja SAT estas malfermita por ĉiu. Prave, sed tamen en la kapojn ennestiĝis: SAT estas komunista, maldekstrula, ateista organizo.
Mi demandas: kio okazus, se ni celus ankaŭ la religiemajn esperantistojn (precipe laboristojn) kaj proponus al ili pacan kunlaboron.
Laŭ mi tio ĉi ne insultus la ideon de k-do Lanti.
Mi estas konvinkita ke ankaŭ li samopinius.
Mi atendas Viajn reagojn kaj opiniojn.
Amike Via Apati Kovacs Bela.

Mi ne nur antaŭvidis amasegajn respondojn. Ili ja ankaŭ venis. Grava estas ke neniu k-do komencis ataki Bela kaj la tuta diskuto restis ĉiam afabla kaj kamarada. Unu el la plej bonaj reagoj venis de Tani kiu skribis: Ankaŭ mi samopinias kun vi, ke Lanti certe samopinius pri tio ke ni kunlaboru ankaŭ kun religiemaj laboristoj. SAT estas plurtendenca, kaj ĉiuj, kun ĉiuj tendencoj havas lokon en ĝi.

Gravas nur la celo de tendencoj. Se la celo estas liberigo de laboristoj, alivorte, de homaro el la vidpunkto de senprivilegiuloj, eĉ novliberalistoj kaj aliaj dekstremaj uloj, miaopinie, havu rajton kunlabori en SAT. Sed novliberalismo, fanatika religiemo, naciismo ktp ofte kondukos onin nur al pli malbona situacio por la laboristoj.

Djemil Kessous atentigis la diskutantojn pri diro de Francisko Degoul dum simpozio en Gento (Flandrio) pri eventuala starigo de frakcio de dikredantoj. Reago de Jakvo estis: Dum la tempo depost kiam mi estas membro de SAT (9 jaroj nun), mi neniam spertis ajnan atakon kontraŭ dikredantoj. Mi do ne bone komprenas kial religiemaj SAT-anoj ne povas krei propran Frakcion? Ĉu la forto de SAT ne estas la multaj diversaj opinioj kaj tendencoj?

Johano, nia k-do el Brazilio, havis iom pli malsaman opinion dirante: — En Brazilo Esperanto-movado jam estas tre religiema kaj tio ĉi tre malhelpas la disvastigon de esperanto, ĉar oni diras ke esperanto estas lingvo de spiritistoj (spiritisma sekto).

Ni revenu al la statuto de SAT: SAT estas... «ke ĝiaj membroj estu komprenemaj kaj toleremaj rilate al la politikaj kaj filozofiaj skoloj aŭ sistemoj, sur kiuj sin apogas la diversaj klasbatalaj laboristaj partioj kaj sindikatmovadoj».

Do, en SAT ni parolu pri klasbatalaj problemoj sed ne pri la vivo post la morto!!! Por fini la eron pri dikredantoj en SAT, mi aldonas mesaĝon de Tibor: Mi supozas, ke vi miskomprenis la iniciaton de amiko Bela pri iu ajn eklezio kaj ĝia fondo en la kadro de SAT... li rebatis al Johano. Estus konvene, ke ankaŭ alipensantoj ĉeestu en SAT, ne nur tiuj, kiuj nun kovras aŭ plenigas tiun organizon. Tute ne laŭ la sistemo de spiritismo en Brazilio. Sed ankaŭ ili rajtas vivi, kaj per iliaj agadoj, ili multon faris por Esperanto!

Nun kiel vi ĉiuj povas legi, la diskuto estas interesa por ĉiuj membroj de SAT, fakte por ĉiuj Esperantistoj. Ĉiuj sciu ke SAT ne ekskluzivas iu ajn, kondiĉe ke oni subskribu la statuton. Mi pensas ke estas memevidenta ke mi kiel herezulo neniam aliĝos al iu eklezio ĉar mi tutsimple ne povas retrovi min en la «statuto» de iu ajn eklezio.

El la sama diskuto venis alia ideo de Gudskov: Ĉu SAT bezonas ŝanĝon de la Statuto, oni jam diskutas longe, sed ĝis nun ne venis taŭgaj bone formulitaj proponoj. Evidentiĝas ĉiam, ke la jam ekzistanta formulo de la celaro de la asocio estas tiom bone formulita, ke krei iujn pli modernajn esprimojn same bone formulitajn estas treege malfacile. Se vi sukcesos tion fari, estos bone!

Alia temo venis el Brazilo de Johano kiu petis: ĉu li rajtas aldoni SAT-n kiel unu el la subskribantojn de la suba «Alvoko por Koalicio kontraŭ Kapitalismo kaj Kontraŭ Kunsido de BID» en Fortalezo (Brazilo) en marto 2002. La esperanta teksto ankaŭ estas ĉe <http://riseŭp.net/antibid/Ĉamadoep.htm>http://riseŭp.net/antibid/Ĉamadoep.htm>
Jakvo reage citis el teksto de la lasta deklaracio de SAT (Nagykanizsa 2001): La Kongreso apogas klopodojn kaj batalojn kontraŭ la novliberalismo kaj kruda kapitalismo. Mi tamen petas konfirmon de aliaj SAT-anoj . Mia persona opinio SUBSKRIBU tuj. Kreŝo respondis: Mi persone subtenas la subskribon sed mi ne povas decidi por SAT. Mi ne havas tiun rajton. Almenaŭ mia persona opinio estas pozitiva.

Inter la diversaj diskutoj aperis mesaĝo de Stan Keable pri: Letero de mi pri arestitaj kaj torturitaj esperantistoj en Rusio aperis (anglalingve) en Weekly Worker 418 Thursday February 7 2002, gazeto de Komunista Partio de Granda Britio.

Ĉu ĉiuj inter ni jam sendis karton al la estro de Administracio, S-ro Aleksander Volośin? Se ne daŭre haveblas kartoj por subteni esperantistojn en malliberejo!

SAT principe ne estas komunista, ĉar ĝi ne estas partipolitika or-

ganizo. Ĝi ankaŭ ne estas organo de iu ajn alia organizo sed estas tute sendependa asocio. Ĝi estas maldekstrula, jes, certe, eĉ se tiu vorto bezonas klarigon, ĉefe pro forta malkleriga dekstrula propagando tutmonda nuna. Ateista ĝi nepre ankaŭ ne estas, kvankam iuj membroj estas ateistoj.

SAT neniam estis komunista asocio, eĉ kiam pli ol 50 % de ĝiaj membroj estis komunistoj, kaj antaŭ kiam ĝi suferis de la stalinismo, ĉar SAT neniam estis partipolitika organizo aŭ organo. Ĝi multe suferis de intertendencaj kvereloj. Lanti, la fondinto de SAT, siatempe konstatis kun bedaŭro, ke tro multaj tiamaj SAT-anoj volis unutedencigi SAT, provante trudi al ĝi sian partipolitikan tendencon, kaj eĉ sentendenculoj volis fari el SAT surogaton de la partipolitika organizo, kiu mankis al ili ekster SAT!

Malgraŭ la konfliktoj, kelkaj komunistoj ĉiam restis en SAT. Ilia ĉeesto en SAT ne estis komforta, sed ili restis en ĝi, ĉar ili aprobis la celojn de SAT. Tio ĉi estas sufiĉa motivo por kiu ajn. Foje, iu alitendencano demandas: «sed kiel vi povas resti en SAT kun tiatendencaj ideoj?» La tasko, solvi tian problemon apartenas al koncerna kamarado.

... Ĉar neniu tendenco principe devus havi kiel tia influon en supertendenca SAT. Tiu principo estas tre grava kvankam tro malmulte komprenata: ĝi estas ja kondiĉo por ebligi, ke la multtendenceco de la membroj, anstataŭ senfina kaŭzo de konfliktoj, estu senfina fonto de politika maldekstra kultura kaj interkleriga riĉigo.

Skribis la 10an de februaro Petro Levy

La12an de februaro 2002. Estas la unua tago de la Jaro de la Ĉevalo. Estas la jaro 4699 laŭ la Ĉina kalendaro. Por klopodi iom pli maleŭropigi SAT, amike sendis, Jozefo Lunazzi.

Intertempe kaj kiam vi legas ĉi tiun tekston, SAT-anoj scias ke la novajn TTT-paĝojn de SAT plene faris nia k-do Viola Murasaki el Japanio kunlabore kun kelkaj aliaj kamaradoj, do plia paŝo al maleŭropigo SAT.

Kio ankaŭ estas regulo en nia diskutejo estas paroli pri lingvaĵoj kaj gramatiko. Mi pro tio nepre volas prezenti al vi eltiron el parolo inter kelkaj amikoj

Mi abomenas la Akademion de Esperanto kaj pensas ke ĝi estas malfondenda.

Mi iom komprenas tion. Estas konservativa instituto kies anoj ofte havas pretekstojn por ne fari ŝanĝetojn necesajn. Tamen mi opinias ke indas havi centran retrondon por pridiskuti vortajn kaj gramatikajn demandojn, kaj ne jam ekzistas alternativo al <akademia-diskuto> (kaj mi ne jam pretas fondi ĝin).

Se ĝi [la lingvo esperanto] ne estas sufiĉe klara kaj preciza, la bezonataj uzantoj ne venos. Se tro da aferoj restas neesprimeblaj per esp-o, ili baldaŭ forlasos ĝin (kaj aliaj eĉ ne eklernos). Multaj pensoj en mia nacia lingvo ankaŭ estas neesprimeblaj.

Jes, tiel estas. Ĉiu lingvo havas esprimojn kiujn aliaj lingvoj ne havas, almenaŭ laŭ mia sperto pri nur 5. Oni postulas perfektecon de esperanto kiu ne ekzistas en iu ajn lingvo

Mi ne postulas perfektecon. Estas ja la neperfekteco kiu garantias ke esp-o ne plene forpuŝos aliajn lingvojn. Mi postulas klarecon (ĉe ekz. «atendi, pretas») kaj vortojn por ĉiutagaj esprimoj (kiel ekz. pri kanabinaĵuzado)

Necesas konscii ke la pozicio de la angla ĉi tie estas fortega, ĉar ĉiuj junuloj ricevas lecionojn dum almenaŭ 6 jaroj, kaj ĉiuj spektas anglalingvajn televidaĵojn kun bonaj subtitoloj (efektive estas tiom da kanaloj ke ĉio kio estas nur iomete popularа en usono spekteblas en NL).

La akademianoj ŝajnas foje forgesi ke esp-o havas konkurentojn.

Ĉi tiu estas parolo inter Johano kaj Ronaldo.

Alia grava diskuto rilatis propagandi Esperanton kaj varbi al SAT. Skribis Nikolao : Mi iom resumos miajn opiniojn responde al la lasta diskuto.

1) Certe, la laborista medio PRINCIPE estas la plej taŭga por disvastigo de Esperanto, kaj tiel opiniis mem Zamenhof, kaj tion pruvas sukcesoj de la laborista E-movado en 1910-aj - 1940-aj jaroj.

2) Tamen la klasa konscio de la laboristaro draste falis en 1950-aj - 1990-aj jaroj pro du kialoj: a) malbona politiko rilate al la laboristoj en la pseŭdosocialismaj landoj, b) tre sukcesa propagando de liberal-demokratiaj valoroj, kiuj devas forigi la malbonan staton de la laboristaro.

La laboristaro do nun tre signife estas venenita de burĝa konscio (kaj, paradokse, ne nur en la plej bonstataj kapitalismaj landoj, kie la opinio pri dissolviĝo de la laboristaro en la «meza klaso» estas parte pravigebla), sed ankaŭ en ne tro evoluintaj landoj. En novaj liberal-demokratiaj landoj, kiel Rusio, Hungario ktp., tio estas eĉ pli drasta, ĉar, diference de la malnovaj burĝaj demoktratioj, tie ne estas tradiciaj (kaj relative fortaj) klaskonsciaj laboristaj partioj, sed nur relative malgrandaj grupoj.

Nia medio por propagando povus esti ĝuste tiuj grupoj (almenaŭ ili!), sed estas jena obstaklo: la homoj, forte engaĝitaj en konkretajn politikajn, sindikatajn ktp. aferojn ne emas aliĝi al ankoraŭ unu agadsfero (eĉ se ili simpatias al niaj idealoj) - kaj ja Esperanto postulas tion. Kaj samtempe la ĝeneralaj amasoj estas aŭ tute indiferentaj, aŭ venenitaj de la ideoj pri la jam okazinta fina venko de la usona tutmondiĝo kaj la «internacia» angla lingvo, kaj la homoj malpli kleraj eĉ pli emas kredi tiun mensogan propagandon, ol la kleruloj, kiuj kutimas pli objektive kaj kritike vidi la mondon. Estas nur konstato de la situacio, kiel eliri - ni diskutu plu!

Ĝis ĉi tie la superrigardo el la diskutejo.Mi nur prezentis al vi malgrandan parton kaj certe mi forgesis citi gravajn vortojn de karaj kompanoj. S-ulo disponigis al mi paĝojn kaj ne plenan revuon. Tiuj, kiuj ne retrovas sian intervenon, pardonu min, tiuj, kiuj sentas ke mi malĝuste citis ilin korektu min sendante vian korekton al SAT-Parizo. De tiuj, kiuj esperas ke SAT mortos, mi petas pardonon ĉar certe vi devos atendi minimume pliajn 82- jarojn.

*Jakvo*





## Ni legis por vi....

# MONDA FEDERACIO ?

*Ronald J. Glossop, eldonita de la aŭtoro, tradukita de Johano Rapley, tole bindita libro, 360 paĝoj, 24 eŭroj*

«Vi kaj mi apartenas al la etnombraj plej bonŝancaj individuoj kiuj iam ajn ekzistis en la historio de la homaro.» Tiel komenciĝas libro

Monda Federacio?

AMPLEKSA ANALIZO DE FEDERACIA MONDREGISTARO

de

Ronald J. Glossop

kies titolo inkluzivas demandosignon, kiu povus lasi dubon ĉe la leganto pri la sinteno de la aŭtoro. Efektive, rapida rigardo al la kvina ĉapitro povus pliakrigi impreson ke la aŭtoro deziras emfazi validajn kontraŭargumentojn. Ĝi titolas «Polemiko kontraŭ Federacia Mondregistaro» kaj tiu parto de la libro elfosas ĉiun imageblan kritikon kontraŭ tiu utopiaĵo; funde kaj detale esploras tiajn argumentojn, kaj eĉ ilin pravigas ĝis tiu grado ke ĝi lasas vin sen ajna dubo ke la aŭtoro fine konkludos ke mond-federacio simple ne (plu) estas praktika afero. Estu avertita! Ju pli profunde la leganto falos en tiun kaptilon, des pli kapskue li poste eniros en staton de certeco ke la mondo neniel povas eskapi el sia destino, kio ĝuste estas la monda federacio, ĉar en la posta, sesa, ĉapitro la aŭtoro sisteme disfadenumas pececton post peceto ĉiun argumenton kontraŭ tiu neevitebla sorto.

Hodiaŭ ekipite per ĉiuj necesaj faktoj kiuj koncernas la sekuran estontecon de la homaro, Ron Glossop (eksprofesoro pri pacostudoj ĉe la Universitato de Sankta Luizo, Missouri) havas ion por diri. Ĝi estas mesaĝo kiun li adresas al vi, al mi kaj al ĉiuj kiuj pretas rekonsideri tre malnovan ideon el perspektivo tute nova. Per la nuna libro li ne nur prezentas la verŝajne vaste konatajn argumentojn por Monda Federacio sed kristalklare difinas la terminojn uzatajn kaj respondas al la demandoj: ĉu registaro estas necesa? Kio estas federacio, kaj kio konfederacio? Poste, kvazaŭ kiel en detektivromano, li zorge kaj science malplektas kaj detruas la prezentitajn kontraŭargumentojn, rebatas plenforte kaj pruvas per konkretaj ekzemploj ke la argumentaro por Monda Federacio estas hodiaŭ validaj kiel neniam antaŭe.

Plursence Esperantistoj jam estas mondcivitanoj, kaj ili ne miros ke la internacia lingvo estas unu el la praktikaj solvoj proponitaj de la aŭtoro, mem Esperantisto. Kvankam la libro unue aperis en la angla lingvo en 1993, ĝi nun estas plene ĝisdatigita per nova ĉapitro verkita specife por la esperantlingva eldono. Ampleksaj bibliografio kaj indekso faciligos utiligon de la libro kiel konsultlibron.

Oni levos la demandon kial la transformiĝo al novspeca monda politika situacio inter naciŝtatoj ne evoluis dum la 20a jarcento kiam tio estis ebla. La respondo certe estas, ke tiutempe tio ne ŝajnis necesa. Ni havas do la paradoksan situacion ke kiam regas trankvileco kaj la kreo de monda federacio estus ebla, tio ne ŝajnas necesa. Sed kiam regas maltrankvileco kaj la dezirindeco de monda federacio por politike kaj jure solvi internaciajn problemojn estas memevidenta, estas neeble ĝin krei. Povas esti, ke ĝuste nun la monda komunumo devas agi por disvolvi tutmondan, sed demokratan, regosistemon. Kiel praktike tion atingi estas zorge kaj diplomate klarigite en la libro.

*Johano*

**S. A. T. ESTAS VI !**



# 75-a KONGRESO DE S.A.T. ALICANTE (ES) 1-7.07.2002

Organiza Kongresa Komitato :
**Prezidanto**: Martin Bustin Benito, Apt° de Correos 4143, ES-03080 Alicante.
Tel. kaj Fakso: 00.34.965184596
Rete: <marteno@ctv.es>
Bankkonto: Martin Bustin Benito,
BBVA 0182-0102-16-0203052953.
**Sekretariino** : Liya Maziy (sama adreso)

Kotiztabelo en €

| Kategorio | Ĝis 31.03.2002 | 31.05.2002 | Poste |
|---|---|---|---|
| SAT-membro | 55,38 € | 66,15 € | 76,92 € |
| SAT-geedzoj | 89,23 € | 106,15 € | 123,08 € |
| SAT-gejunuloj (15-25j) | 27,69 € | 33,08 € | 38,46 € |
| Gasto | 70,77 € | 81,54 € | 92,31 € |
| Gastoj-geedzoj | 112,31 € | 129,23 € | 146,15 € |
| Gastoj-gejunuloj (15-25j) | 36,92 € | 43,85 € | 50,77 € |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- ❑ La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- ❑ La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- ❑ La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

## POLITIKA FORUMO

Arturo Prent proponas ke okazu «politika forumo» (aŭ pli precize inform-interŝanĝo) kiel laŭmemore okazis dum kongresoj antaŭ multaj jaroj. Ĝi rilatu al la situacio de la laboristaro en la mondpartoj reprezentataj de la partoprenantoj kaj ĝi efektive tuŝu aferojn ne diskutotajn dum la laborkunsidoj.

Tiaj inform-sesioj povas esti gravaj aktualigoj de parto de la bazaj celoj de SAT, kaj se sukcesaj, ankaŭ povus allogi pli da seriozuloj al venontaj kongresoj. La celo estu unuavice informiĝi. Opinioj pri tiaj informoj eble havu duan rolon.

Arturo pretas (mallonge) enkonduki, kaj se necese gvidi, tian diskuton, sed volonte cedas tiun rolon al alia kapabla kamarado. Ni emfazu ke ne rilatas al prelego – ĉar plejparte devos kontribui la aliaj ĉeestantoj. La daŭro de la kunveno devus esti minimume unu horo.

OKK estas tute preta okazigi tian kunvenon.
Viajn reagojn ni petas. Ankaŭ bonvolu pretiĝi por tia diskuto.



S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

# Laborista ĉiutagaĵo



El «Le Monde»

## Rubujo Ronald Searle


El «Le Monde»

**Solvo de krucenigmo de marto :**

**Horizontale** : 1. etiologio; 9. salm; 10. tigr.; 11. pri; 12. torni; 13. es; 14. sr; 15. IOE; 16. atak; 18. rn; 19. atribut; 21. klasika; 22. ta; 24. oneg; 25. ism; 27. TN; 28. mi; 29. spoto; 31. bas; 32. miri; 33. dorm; 34. ornamisto.

**Vertikale** : ESPERANTISMO; 2. tars; 3. ili; 4. om; 5. oto; 6. giri; 7. ignor; 8. orientalismo; 12. trabanto; 14. stilo; 16. ark; 17. kusen; 20. tig; 23. aspir; 26. morn; 28. mart; 30. tia; 31. bos; 33. di.